1/2004

- 7. 01. 2004

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Adiaŭ al asocio superflua

## Membroj voĉdonas por malfondo de TEĴA

**Nia fakasocio estas malfondita. La membroj preskaŭ centprocente sekvis koncernan proponon de la estraro. Do tiu ĉi cirkulero estas la lasta kiun vi ricevas. Post aranĝoj ankoraŭ necesaj, kiel ordigo de la asociaj financ–aferoj, la estraro „fermos la butikon".**

Kiel vi scias, la estraro dissendis al la membroj voĉdonilojn kun jenaj punktoj:
1. Mi konsentas pri malfondo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA).
2. Mi konsentas en kazo de malfondo donaci la restontan bonhavon de TEĴA al Abonhelpa Fonduso de la revuo *Monato.*
3. Mi ne konsentas pri malfondo de TEĴA kaj deklaras min preta kandidati kiel estrarano.

**Klara decido**

Por ĉiuj el tiuj ciferoj necesis plimulto de du trionoj, laŭ la statuto. Dissenditaj estis 34 voĉdoniloj; ĝis la limdato 31a de decembro 2003 revenis 16, ĉiuj validaj.
Por cifero 1 voĉdonis 12 membroj, unu sin detenis.
Por cifero 2 same voĉdonis 12 membroj.
Por cifero 3 voĉdonis 3 personoj.
Tiel do la propono de la estraro estas akceptita kaj la asocio malfondita.

La fakto, ke malpli ol la duono de l' aktualaj membroj partoprenis la voĉdonadon, demonstras lastan fojon la mankantan intereson pri evidente superflua asocio. Kelkaj esprimis sian bedaŭron pri la malfondo sed esprimis komprenon. Neniu eble pli multe ol mi mem bedaŭras la morton de TEĴA, ĉar dum multaj jaroj mi kaj miaj kunestraranoj aktive kaj energie laboris por prosperigi la fakasocion. Al la kolegoj de l' estraro, precipe Paul GUBBINS kaj YAMASAKI Seikô, kaj tiuj membroj, kiuj dum pluraj jaroj kontribuis al nia organo aŭ plenumis diversajn oficojn, mi dankas kore.

**Kio postrestas?**

Definitive malaperas *Internacia Ĵurnalisto,* kiu dum pluraj jaroj sendube estis unu el la plej bonaj fakrevuoj. Sed kio restas post malfondo de TEĴA? Restas kiel eble plej grava dokumento de l' asocio la **Etika kodo de ĵurnalismo,** kies principoj devas validi por ĉiuj esperantistaj ĵurnalistoj, verkistoj kaj eldonistoj, kiuj respektu ĵurnalisman deontologion sendepende de iu asocio. Restas kelkaj eldonaĵoj, ekzemple dosiero pri Esperanto por (neesperantistaj) ĵurnalistoj; ekzemple dosieroj pri Gazetara Servo dum E–kongresoj (precipe UK) kaj dosiero pri Kongresa Kuriero. Tiuj du praktikaj konsilaroj daŭre povas esti utilaj por kolegoj, kiuj devas plenumi koncernajn taskojn.

Restas krome du gravaj instruiloj: *Manlibro pri Ĵurnalismo,* kvankam ne eldonita de TEĴA sed de Flandra Esperanto–Ligo (2a eldono), daŭre povas utili al homoj, kiuj volas lerni verkadon, redaktadon kaj eldonadon. Restas scienc–nivela kurso pri ĵurnalismo, lekciaro prezentita de Stefan Maul kadre de Akademio Internacia de San Marino (AIS); ĝi tamen ekzistas nur en la memoro de la komputilo de l' kursgvidinto, ne en presita formo.

Kaj ekzistas, fine, la grava korespondа trejnkurso por ĵurnalistoj de Paul Gubbins, kiu furoris dum pluraj jaroj. Tamen oni devus aktualigi tiun ĉi valoran materialon, kaj necesus komplete retajpi ĝin por utiligi en nunaj komputiloj.

**Savi per la reto?**

Dum la lasta TEĴA–kunveno en Gotenburgo oni sugestis, enretigi tiun trejnkurson. Mi povas imagi, ke oni enretigus ankaŭ la aliajn supre menciitajn tekstojn, por tiel savi ilin por la estonteco. Sed kiu kapablas kaj pretas fari tiun ĉi laboron? Se iu estas inter vi, kiu emas plenumi tiun ĉi taskon, li aŭ ŝi anoncu sin ĉe Gubbins kaj/aŭ ĉe mi (retadresojn vi trovas en la kolofono).

Certe ni povas aŭ eĉ devas priplori morton de eble ne malgrava fakasocio, sed ni estu realismaj: jam de pluraj jaroj TEĴA estis kadavro. Estis tempo, entombigi ĝin.

Adiaŭ diras via

Stefan MAUL
prezidinto de TEĴA

KOLOFONO

***Internacia Ĵurnalisto***
cirkulero de malfondita Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas ne plu

Redakcio: Stefan Maul, Pfersseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: smaul86150@aol.com
Redaktofino de tiu ĉi lasta numero: 2 jan 2004
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

**Estraro de TEĴA:**
Prezidinto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidinto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Eksa sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185-0014 Tôkyô, Japanio; retadreso: syama@qf6.so-net.ne.jp
Estrarano: vakis

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Eksaj landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Rusio

Iama membrokotizo: 10 eŭroj jare (B-landoj 2,50 EUR). Ne plu pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Malgraŭ ĉio, almenaŭ sukceseto

## Bilanco de la koresponda trejnkurso de TEĴA

Apenaŭ kredeblas, ke la ĵurnalista trejnkurso lanĉiĝis antaŭ pli ol dek jaroj ankoraŭ en poŝt–koresponda epoko. Tiam komputiloj prais (kiam mi preparis la kurson mi provis eviti la literon ĵ [malfacile en ĵurnalista trejnkurso!], ĉar mia tiama programo rifuzis ĉapeligi tiun ĉi literon); krome apenaŭ imageblis interret–korespondaj kursoj. Iasence la trejnkurso tro fruis: certagrade ĝi bone funkciis perpoŝte sed sendube pli efikus interrete.

Verdire, tamen, nek poŝto nek interreto bone servis la trejnkurson. En landoj, kie senteblas granda deziro, granda bezono pri la kurso, neregule kaj multekoste funkcias la poŝto, dum komputiloj kaj interret–aliro daŭre esceptas. Ekzemple el Afriko konstante venis informpetoj pri la trejnkurso kaj tien daŭre sendiĝis regularoj kaj unuaj lecionoj: nur tre malmultaj lecionoj revenis. Lukti kun misaj poŝtservoj kaj elpoŝigi relative obscenajn sumojn por afranko al Eŭropo implikadis la projekton.

### 29 kursanoj, 10 diplomoj

Des pli, tamen, aparte gratulindas tiuj, kiuj malgraŭ ĉio sukcese trapasis la kurson. Sukcesintoj nombreblas en ĉiuj kontinentoj: entute 10 homoj gajnis diplomojn el la 29, kiuj iam komencis la kurson. Mi opinias, ke TEĴA povas fieri pri triona sukceso tia ĉar, spite al ĉiuj problemoj, spite al distancaj kaj organizaj malfacilaĵoj, la fakto, ke tiom da homoj obstine kompletigis la kurson, indikas, ke ĝi ne senvaloris.

Kurso tia, evidente, ne funkcias sen docentoj, kiuj dediĉis horojn al poentigado kaj al prikomentado de senditaj taskoj. Menciindas precipe tri kolegoj, kiuj entuziasme kaj profesie prizorgis siajn studantojn: Evgeni Georgiev, Will Green (forpasinta antaŭ du jaroj) kaj Stefan Maul. Al tiu ĉi triopo TEĴA, kaj ĉiuj sukcesintoj, ŝuldas multon.

Paul GUBBINS

# *Monato* dankas

Sincere mi dankas al vi, ke vi grandanime sekvis la proponon, donaci la restan bonhavon de nia asocio al Abonhelpa Fonduso de la revuo *Monato.* Per la mono la magazinon ricevos 50 homoj, kiuj pro iuj (precipe ekonomiaj) kialoj ne mem povas pagi abonkotizon. Tiu ĉi donaco utilos ne nur al individuoj, sed ankaŭ al la gazeto mem. *Monato,* 25 jarojn post fondo, certe estas unu el la plej prestiĝaj gazetoj de Esperantujo, tamen ĝis hodiaŭ baraktas por transvivi.
Al *Monato* ni ĵurnalistoj povas esti dankaj pluroble. En tiu ĉi gazeto aŭtoroj trovas adekvatan lokon por siaj verkoj; aperigi artikolon en tiu ĉi profesinivela magazino sendube levas ankaŭ reputacion de verkinto.
Krome ni dankas al *Monato* aperigon de minimume du gravaj libroj: *Manlibro pri Ĵurnalismo* kaj *Manlibro pri Politiko.*

S. Maul

**Repagoj**

**Al tiuj membroj de TEĴA, kiuj jam pagis kotizojn por 2004, ni reĝiros la monon. Post tiuj repagoj kaj subtraho de elspezoj pro ekspedado de nia cirkulero, restos iom pli ol 2200 eŭroj sur la kontoj de TEĴA. Tiun monon ricevos la Abonhelpa Fonduso de *Monato.***